# La Karavelo

Beletra Esperanto-Revuo pri la Portugallingva Literaturo

Fondita de João José Santos, en Portugalio, en oktobro 2007

n-ro 003
decembro 2007




LA PLEJ GRANDA KRISTNASKA ARBO EL EŬROPO TRANSLOKIĜIS DE LISBONO AL PORTO POR LA KUNMEMORO DE LA NASKIĜO DE

**J E S U O   K R I S T O**



**Infano malsata**
**Ugando-Afriko**
Foto de James Akena / Reuters
http://news-yahoo.com/photos

LA KARAVELO DEDIĈAS AL ĈIUJ LEGANTOJ KAJ KUNLABORANTOJ BONAN KRISTNASKON KAJ FELIĈAN NOVJARON PREĜANTE POR

**P L I   J U S T A   M O N D O**

# Enhavo de La Karavelo n-ro 003






# Kolofono

**Kunlaboris ĝis nun en La Karavelo...**
Blazio Vaha
David Curtis
Eduardo Novembro
Edward Jaśhkiewicz
Francisco Stefano Wechsler
Gerrit Berveling
Giórgos Dermátis
Imre Szabó
Irina Mironova
João José Santos
Leo De Cooman
Luiza Carol
Nikolaj Neĉaev
Paulo Sérgio Viana
Rafael Lins
Renato Corsetti
Roger Gotardi
Spíros Sarafián
Tibor Szabadi J.
Valentin Melnikov

**El la landoj...**
Belgio 1
Brazilo 4
Britio 1
Grekio 2
Hungario 3
Israelo 1
Italio 1
Nederlando 1
Polio 1
Portugalio 2
Rusio 3



**Proprietulo, Direktisto, Redaktisto, Kompostisto:**
João José Santos
http://groups.google.com/group/lakaravelo
Cel.: +351 960 13 15 15
lakaravelo@gmail.com

libera softvaro - software livre

# Tiel navigas ĉi tiu ŝipo...



**Eldona politiko de La Karavelo** La Karavelo estas esence literatura revuo. Ĝi naskiĝis por disvastigi la verkojn kaj valorojn kreitajn en la portugala lingvo, sendepende de la lando el kie venas la verko aŭ ĝia aŭtoro. Ĝi gvidiĝas de la esperantismo de Zamenhofo, kiu deziris ke esperanto fariĝu instrumento por la paco, por la respekto kaj por la kunfratiĝo inter la homaro. Ĉirkaŭ 75% de la revuo pleniĝos je tradukoj el la portugallingva literaturo, 25% de ĝia spaco destiniĝas al esperantaj originalaj verkoj, al tradukoj el aliaj lingvoj kaj literaturoj, al sciencaj tekstoj, al esprimivaj fotoj, kaj ĝenerale al aliaj tekstoj verkitaj en bona esperanto, laŭ la spirita filozofio menciata en ĉi tiu alineo. La Karavelo bonvenigas la kunlaborantojn kiuj deziras verki aŭ traduki al ĝi, la anoncantojn sen kiuj la revuo mortos, la disvastigantojn kiuj kreskigas la nombron de la legantoj, kaj ĝenerale ĉiujn kiuj deziras iel subteni ĉi tiun projekton.

**Al la verkistoj** **1.** La tekstoj estu en la formato .doc, la bildoj en .jpg. **2.** La tekstoj devas esti redaktitaj laŭ la esperanta alfabeto. **3.** La Karavelo plene respektas la elektojn kaj stilojn de la verkistoj. Do, la verkisto devas revizii sian propran tekston, kiun La Karavelo ne transformos, escepte, evidente, de misoj. Ĉi-afere la principo de La Karavelo estas: **la leganto legos kion la verkisto verkis**. Do, la aŭtoro de la artikolo, kaj nur li, responsas pri ĝia enhavo, kaj ankaŭ pri la aŭtorrajtoj. **4.** En la unua kunlaboro, bv. la verkisto sendu sian etan biografion kaj sian foteton por prezentiĝi al la legontoj. Ĉi tio ne estas deviga, sed estas agrable ke la leganto iom sciu pri tiuj kiuj verkas. **5.** En la unua traduko el iu aŭtoro, estas interese ke la verkisto prezentu etan biografion de la tradukita aŭtoro kun foto kaj eventuale kun aliaj informoj. **6.** La verkistoj atentu la aŭtorrajtojn, ĉar pri iu damaĝo pri tio, responsas la aŭtoro de la artikolo. En multaj landoj, la aŭtorrajtoj nur ĉesas 70 jarojn post la morto de la aŭtoro. Do, oni traduku el tiuj aŭtoroj kiuj mortis antaŭ pli ol 70 jaroj, aŭ oni sukcesu ekhavi skribitan rajtigon de la aŭtoro aŭ de la posedanto de la rajtoj. Eble, simpatia letero al la rajtoposedanto malfermos pordojn kaj disvastigos esperanton. **7.** La Karavelo aperigos artikolojn ne esence literaturajn: tiuj estas la lingvikaj, la recenzaj, la movadaj kaj aliaj artikoloj. Ĉiu el tiuj tekstoj ne devos preterpasi trionon de paĝo A4. En ĉiu numero, la nombro de tiuj artikoloj estos limigita, ĉar La Karavelo estas esence literatura revuo. **8.** Liverante siajn verkojn kaj tradukojn al La Karavelo por publikigado, la verkistoj donacas al la revuo la tutan rajton publikigi tiujn verkojn, kaj iliajn tradukojn, en elektronika formato aŭ surpapere revuforme, libroforme aŭ alimaniere. Tamen, la aŭtorrajtoj restas ĉe la aŭtoroj. La verkoj estas publikigataj en sistemo de reciproka apogo, tiel ke La Karavelo disvastigas la nomon kaj verkojn de la aŭtoroj, kaj ĉi tiuj honoras la revuon per siaj kunlaboroj. Kaj La Karavelo kaj la verkistoj rezignas pri iu ajn pago rilate al ĉi tiuj servoj, kiuj okazas surbaze de la amika kaj kultura kunlaboro. **9.** Oni sugestas al la verkistoj, ke ĉi tiuj sin dediĉu al verkoj kunligitaj per iu temo aŭ trajto, tiel ke estu rezoneble kunigi ilin por onta publikigo en libro, en la eldonoj de La Karavelo. **10.** La Karavelo ne estas devigata akcepti iun ajn verkon aŭ kunlaboron. La akcepto de kunlaboroj dependas de la analizo de la direktoro de La Karavelo.

*El la redaktejo...*

**Abonoj** La Karavelo estas disdonacata senpage al ĉiu ajn kiu ĝin elŝutu en podofa formato, petinte aniĝon al ĝia diskutgrupo. Se vi sendos vian komenton al la diskutgrupo, kun pozitivaj kritikoj kaj proponoj, kaj ofte vizitos la paĝon www.esperantopt.com, kiu onte aperos, tiel vi pagos vian podofan version. Tiu versio estas neprintebla, **ĉar LK estas eldonata kaj aĉetebla en papera versio, libroforme A4 nigreblanke, kun ĉirkaŭ 144 paĝoj, ĉiun ses monaton kun ses revuoj. La prezo estas 18 euroj plus afranko por tiu sesopo. Abonantoj havas rabaton de 10%. La "Abonilo por La Karavelo" estas prenebla en ĝia paĝo:**

**http://groups.google.com/group/lakaravelo**

**Anoncoj** La baza anonco-ĉelo por unu numero de La Karavelo, estas 40cm², do 8cm X 5cm. Tiu mezuro estas proksimume unu dekono de A4-paĝo. Pli grandaj anoncoj mezuras kaj kostas proporcie, tiel: 40cm² - 50€ / 80cm² - 100€ / 120cm² - 150€ / 160cm² - 200€ / 200cm² – 250€. La anoncanto devas liveri la enhavon de la anonco jam pretan por publikigo. Se necese, La Karavelo povas desegni la anoncon kontraŭ pago. La direktoro de LK rajtas rifuzi anoncojn. Sesfojan anoncadon en sinsekvaj numeroj donas al la anoncanto 10% da rabato en tiu fakturo. Ĉiuj pagoj estas faritaj en la mendo de la anonco. Kun aliaj revuoj, La Karavelo deziras interŝanĝi anoncojn sen ambaŭflankaj pagoj; la grandeco de ĉi tiuj anoncoj dependas de la interkonsento farita kun la partnera revuo. La anoncoj aperas kaj en la podofa kaj en la papera formato. La prezoj inkludas ambaŭ.



# Etnismo:

## defendo de ĉiu ajn etno, esperanto por la homara etno

de João José Santos joaojosesantos@gmail.com

### LINGVA REALO EN NIA MONDO



Etna diskuto inter geedzoj:
"Ne...! Ne...! Ne...!
Vi Tarzano... mi Tarzanino!"

En planedo popolita de 6,7 mil milionoj da homoj, atingonta 9 mil milionojn en 2050, oni parolas ĉirkaŭ 3000 lingvoj. Tiuj lingvoj reflektas la morojn, la kulturon kaj la pensadon de la popoloj kiuj ilin kreis en dialektika rilato inter la homo, la socio, la najbaraj socioj kaj la naturmedio. La valoro de ĉiu lingvo, jen kiel sistemo interesa al la lingviko, jen pro aliaj antropologiaj sciigoj, estas unika, vera raraĵo, ne ripetebla en la historio de la homaro. La lingvocido estas krimo kiu devus esti tiel grave punita kiel la etnocido, eĉ pro tio, ke unu implicas la alian. La etnocido murdas la tutan etnon, vaporigante ĝin el la homaro. La lingvocido murdas la animon de la popolo, vaporigante ĝian antropologian ekziston.

### KIO ESTAS ETNO?

Gravas difini la koncepton pri "Etno" uzatan en ĉi tiu teksto. Etno estas vasta kulturgrupo, kiu satigas la socian neceson de siaj anoj. Tribo vivanta en pra-historia stato konstituas etnon, ĉar ĝiaj anoj obeas al la samaj ĉefoj kaj leĝoj, havas la samajn morojn, la samajn kredojn, la saman gastronomion, kvankam la propra individueco de ĉiu homo interpretas, agas kaj reagas je tiu kulturo laŭ propra maniero. La samo okazas rilate al pli nombra kaj pli sperta etno, al kiu ĝenerale oni nomas nacion. Tamen, strukture kaj antropologie, iu ajn homgrupo kun moroj kiuj konstituas kulturon estas etno. Nur la fiero de ŝajne civilizaciitaj homoj povas eviti uzi la saman vorton jen por pra-historiaj nacioj jen por la aktualaj nacioj. Cetere, se la modernaj nacioj havas imponajn preĝejojn, la keltoj havis la kverko-arbarojn kie ili preĝis; se la modernaj nacioj havas pastrojn, ili havis siajn druidojn; se ni manĝas per iloj, ili manĝis per la fingroj. Ĉenokte, kiam la keltoj kuŝiĝis kun la keltinoj, dubeblas ke la sentoj kaj la agoj estis tre malsamaj de la aktualaj. Kiam mortis amatulo, certe iliaj sentoj ne distis de la niaj en simila situacio. Tamen, la sama okcidenta vantulo kiu asertas ke la krioloj ne estas lingvoj, asertas ke ni vivas en nacioj, dum la keltoj en etnoj. La termino "etno", kompare kun la terminoj "nacio" kaj "lando", havas la avantaĝon ne konsideri politikajn cirkonstancojn, ĉar etno trapasas naciojn kaj landlimojn. Kompreneble, en homaraj sciencoj, la limoj neniam estas difinitaj far linio sed far kampo, kie tre ofte la konceptoj miksiĝas. La civilizacio ne kuŝas sur la teknologio sed sur la kapablo ami la aliajn homojn. Tial, oni povas ofte pridemandi: Ĉu ni estas civilizitaj? Ĉu ili estis sovaĝaj?

Ĉiu homo apartenas minimume al unu etno. Homo kiu ne apartenus al etno estus vera sovaĝulo, regita nur de la primaraj instinktoj kaj vivanta en kompleta izoleco. Estas tre malofte ke homo apartenu nur al unu etno. La homoj kiuj vivas en la arbarego Amazono, en Brazilo, izolitaj de aliaj homoj de aliaj etnoj, apartenas nur al unu etno. Ĉiu eŭropano apartenas al pli ol unu etno. Portugaloj ĝenerale parolas denaske unu nuran lingvon kaj apartenas al la etno portugalia, kiu donas al ĉiu ano la lingvon, la historion, la gastronomion, ian manieron konduti en la vivo, kaj ĝenerale senton de grupa aparteneco, al kiu oni nomas nacian identecon. Kelkaj portugaloj, krom la portugalia identeco, sentas ke ili apartenas al aliaj etnoj. La eŭropistoj sentas eŭropan identecon, krom la portugalia. Homo naskiĝinta en Portugalio, sed loĝanta en Brazilo plurajn jarojn, ĝenerale sentas kor-proksimon al ambaŭ landoj, havas trajtojn de ambaŭ etnoj, kaj ofte, antaŭ spektaklo de futbalo, ili dividiĝas, nekapablante esti pli favora al unu ol al la alia teamo. Se tiu homo havas filojn naskiĝintajn en la lando kien li almigris, do li ofte same amas sian patrion kiel tiun de la filoj. Kaboverdano vivanta en Lisbono povas sin senti kiel kaboverdanon, portugalon kaj eŭropanon. Aliaj homoj, pro aliaj motivoj, povas senti apartenecon al pli ol unu etno. La faktoroj kiuj en-etnigas homon estas tre diversaj. Aparteneco al etno estas tre kompleksa procedo. Ĝi ne dependas de abonilo, sed de profunfaj rilatoj kreitaj dum multaj jaroj inter tiu homo kaj la etnoj kun kiuj li identiĝas.

Tre ofte, angolano lernis de la gepatroj sian etnan lingvon de la bantua lingvogrupo, kapablas

kompreni aŭ paroli alian apudan bantuan lingvon, kaj ankaŭ parolas sian nacian oficialan lingvon, kiu estas la portugala. La lingva realo de angolano estas multe pli ofta en nia planedo ol la portugalia realo. Tamen, kelkaj angolanoj naskiĝintaj en Luando, la ĉefurbo de Angolo, kvankam konas kelkajn vortojn kaj eĉ frazojn en kelkaj bantuaj lingvoj, ĉar vivas ene de tiu kultura miksaĵo, nur havas la portugalan kiel denaskan lingvon kaj apenaŭ identiĝas kun alia etno krom la angola.

En Gvinebisaŭo, multaj infanoj, eĉ el la plej favorita sociklaso, nur parolas gvinebisaŭan elportugalan kriolon. Tiuj infanoj foje venas al Portugalio, kie ili studas kun evidenta malfacileco, ĉar ne bone komprenas la portugalan.

Ĉiu homo bezonas socian integriĝon. Tiu integriĝo estas kompleksa kaj fariĝas en grupoj diversaj, kiuj sin interinfluas. En Timorlesto estas ĉirkaŭ 16 etnaj lingvoj. La oficialaj lingvoj estas la portugala kaj la tetuma. Laboraj lingvoj, krom la oficialaj, estas ankaŭ la angla kaj la bahasa. Ĉiu timorlestano, krom sia famili-etna identeco, havas la timorlestan identecon, en kiu la portugala lingvo ludas kernan rolon. Do, la etna lingvo respegulas la antropologian kulturon de tiu etno, kaj la portugala respegulas la antropologian kulturon de la kompleksa miksaĵo inter la 16 etnaj lingvoj kun la portugala; ankaŭ tiu miksaĵo kulturperigita de la portugala konstituas etnon. Kompreneble, ankaŭ la indonezia regado lasis siajn spurojn en la timorlesta kulturo. Kiam la lingva realo de iu popolo baziĝas ne en unu lingvo sed en diversaj, tiu popolo ne povas abdiki de iu ajn el tiuj lingvoj, ĉar tio estus la forigo de parto de sia animo. Oni devas kompreni ke la antropologia identeco de ĉiu homo varias.



*Ricardo Quaresma [ri´kardu kua´reshma] (plej supre), unu el la plej lertaj nuntempaj portugaliaj futbalistoj. Li estas cigano, kaj do apartenas al ambaŭ etnoj, la portugalia kaj la cigana. En ĉi foto, li brakumas la internacie konatan ĉampionon Cristiano Ronaldo [krish´tjanu ro´naldu].*

La lingva realo de portugalo ne estas egala al tiu de kataluno, kaj neniu el ambaŭ havas similan realon kun flandro. Portugalo havas unuran nacian lingvon en sia lando. Kataluno havas la katalunan kiel familian plej apudan lingvon, kaj la kastilian kiu estas komuna lingvo en Hispanio. Flandro parolas la nederlandan kaj ofte ankaŭ la francan, sed neniu el tiuj lingvoj estas parolata ĉie en Belgio.

### LA CELO DE LA ESPERANTISMO

La celo de la esperantismo nur povas esti la homarhelpo, neniam la malo. Respekti ĉiujn kulturojn kaj individue la homon postulas taŭgan proponon: en la etnaj rilatoj oni parolu la etnan lingvon, en la naciaj rilatoj oni parolu la nacian lingvon, en la internaciaj rilatoj oni parolu esperanton. Finfine, laŭ la koncepto de etno supre prezentita, ĉiu etno parolu sian lingvon. La tuta homaro konstituas la plej grandan homgrupon, kiu ankaŭ estas etno. Tiu etno ne havas komunan lingvon: por tiu etno, la internacia lingvo esperanto estis arkitektita.

Niaj proponoj neniam povus esti tiaj, ke iu kulturo damaĝiĝus aŭ ke iu infano perdus eblecojn edukiĝi por bona integriĝo en la reala mondo. Ĉu ni proponu ke tujtuj oni anstataŭigu la lernadon de la angla per la lernado de esperanto en la portugalaj lernejoj? Kaj poste, kio okazus? Kiel vivus la portugaloj en la internaciaj rilatoj? Ni estu seriozaj en niaj proponoj, realismaj en niaj teniĝoj, kaj kompataj rilate al infanoj kiuj fakte nuntempe bezonegas la anglan por vivteniĝi. La realo estas ke nuntempe, la dungebleco dependas multe, i.a., de lernado almenaŭ de la angla lingvo. Vole aŭ nevole, la aktuala situacio estas tiu. En utopia mondo - kaj utopioj estas ontaj lokoj, nur nun ili estas helene "nelokoj" - ĉiu infano devus lerni sian etnan lingvon, sian landan lingvon kaj sian internacian lingvon esperanton. Aliajn lingvojn ĉiu ajn povus lerni laŭ sia deziro, plaĉo aŭ profesia devo, ne pro la simpla (tre kompleksa fakte) neceso komunikiĝi. Tamen, utopiojn oni atingas lerte, rezone, antaŭvide, kun homaranisma senco; neniam per trudoj kaj diktatoraj teniĝoj. Kaj do, la propono de la esperantistoj por la aktuala mondo ne povas esti: ne lernu la anglan aŭ alian imperiisman lingvon, lernu esperanton! Nia propono devas esti: lernu la lingvon de la imperio ĉar vi ĝin bezonas por vivteniĝi, sed lernu ankaŭ esperanton, ĉar per ĝi vi havos aliajn eblecojn, aliajn avantaĝojn, vi malkovros alian mondon. Gravas ke oni laboru por ke tiuj avantaĝoj estu realaj por tiuj kiuj lernas esperanton.

De Zamenhofo ĝis nun, la lingvo esperanto ne kreis nur esperantoparolantojn. Ĝi kreis specialan internacian grupon, kies anoj havas kelkajn similajn kulturajn trajtojn, kaj sentas fortan identecon. Finfine, kion ni deziras, estas ke ĉiuj homoj apartenu al etno nomita esperantio, kies ĉefa eco estas la respekto al ĉiu homo kaj al ĉiu etno.

# Mesaĝo

de Fernando Pesoo
trad. João José Santos el la portugala

### KVINA – DON AFONSO HENRIKO



Vi kavalir' stis, patro.
Nun la deĵor' stas nia.
Donu al ni l' ekzemplon
kaj vian forton plenan!

Donu, en spita horo
de malpiula venko,
la benon kiel glavon,
la glavon kiel benon!

### SESA – DON DINISO

Nokte amikpoemon sian verkas
tiu plantanto de la ontaj ŝipoj,
kaj jen en li murmuras la silento:
stas la rumoro pinarbara, greno
de l' Imperi', ondanta nevideble.

Kirlas, juna kaj pura, tiu kanto,
serĉas ĝi l' oceanon malkovritan;
la parol' pinarbara, marmuĝanta,
stas l' anta sono de la onta maro,
stas la voĉ' tera al mar' sopiranta.

### SEPA – DON JOHANO, LA UNUA

Kiam Di' faras kaj fariĝas
histori', hom' kaj hor' stas unu.
La resto stas karn', kies polvon
la grund' atendas.

Sen konsci', Majstro de la Templo
Portugalio estiĝinta,
en vi la gloro kaj l' ekzemplon
defendi ĝin.

Fame elekta, via nomo,
ĉe altar' de animo nia,
stas flam' eterna foriganta
l' eternan ombron.

El la fora latina...



# El "Carmina Burana"

*trad. Gerrit Berveling el la latina*

## PRINTEMPA KANTO

### (CB 143 - Ecce gratum et optatum...)

Jen plezure
laŭregule
primavero gajas re!
Kaj purpure
floroj rure:
sun' briligas ĉion tre!
Tristo iru al pere'!
Resomeras,
malaperas
morna vintroapoge'.

Nun degelas
kaj malŝvelas
hajlo, neĝo kaj simil'.
Frosto fuĝas
kaj jam suĉas
printempbruste Tero-Fil'.
Menssuferas pro debil',
se nek vivas
nek lascivas
vi en ĉi somer-jubil'.

Vi gloriĝas
kaj gajiĝas
pro la dolĉo de miel',
se vi serĉas,
se vi spertas
ŝirmon de l' Amor-anĝel'.
Laŭ ordono de Vener'
ni gloriĝu
kaj gajiĝu
kvazaŭ laŭ Paris-ĝemel'.



## DRINKOKANTO

### (CB 222 - Ego sum abbas...)

Estas abat' mi de la Kokejno,
mia konvento estas ĉe l' drinkuloj,
al la sekto ĵetkuba mi anas eme[1].
Kiu matene taverne min ekserĉas,
post la vesproj tiu nuda foriros
kaj senigite je vestoj jen li krios:

"Vafna! Vafna![2]
Fia sorto, kion vi faris!?
Tuta mia vivoĝoj',
ho rabist', en unu foj'!"



1 = Volonte mi ludas per ĵetkuboj.
2 Devas esti alarm- aŭ ve-krio.

**"Carmina Burana"** estas ĉe la vasta publiko supozeble esprimo ĉefe konata pro la samtitola muziko de Carl Orff. Tiu ĉi komponisto (1895-1982) fakte verkis multe pli, kion indas aŭskulti. Persone mi pleje ŝatas lian "trilogion" *TRIONFI: Trittico teatrale*, kiu konsistas el "Carmina Burana", "Catulli Carmina" kaj "Trionfo di Afrodite".

En 1803 oni malkovris en Bavario en Benediktbeuren manuskripton el la 13a jarcento, kiun oni laŭ la Latina nomo de la trovejo nomis "Carmina Burana": temas pri la plej fama kaj plej ampleksa antologio de Mezepoke Latinaj kaj Mezepoke Alt-Germanaj kantoj kaj religiaj dramoj. La tuto montras la mondon de la tiuepokaj klerikoj, vagantaj studentoj k.s. – ĝi enhavas 228 malsamajn verkaĵ(et)ojn.

Ĉefaj temoj estas la nekonstanteco de la feliĉo, la pereemo de ĉio subluna. Carl Orff faris el ĝi etan elekton por sia samnoma muzikverko.

Ankaŭ ekzistas sur minimume kvar kompaktdiskoj amaso da kantoj en la originaj Mezepokaj melodioj.

**NOTO** Per la originalaj titoloj, facile oni trovas la kantojn en "Carmina Burana" de Carl Orff.





# Olda Negro

*popola kanto*
*trad. Roger Rotardi el la portugala, verkis la tekstojn*

Olda negr' iris for el Bahio[1]
Tiutage regis plor'
Kaj kapoejron angolan
Tiun tagon li lasis for

Tiel tristis la foriro
Kun la majstroj en memor'
Li aldiris la majstrojn
Detenante sin de l' plor'

Min pardonu Majstro Pastinha[2]
Min pardonu Moŝt' Aber[3]
Adiaŭ majstroj de angola[4]
Kapoejron angolan mi ne vidos ve

Ploru olda negro ploru
Ploru ĉar vi vidos ne
Ploru olda negro ploru
Kapoejron angolan vi ne vidos ve

Ploru olda negro ploru
Ploru ĉar vi vidos ne
Ploru olda negro ploru
Kapoejron angolan vi ne ludos ve

popola kanto

Notoj:
[1] subŝtato en la brazila nordoriento; "Bahía", portugallingve;
[2] granda, alterespektata kapojeromajstro;
[3] nomo de kapoejristo verŝajne instruinta la lirikulon;
[4] pri "angola kapoejro", legu la suban tekston.

**Roger Gotardi** naskiĝis en la 6-a de oktobro 1982 kaj estas brazilano. Li diplomiĝis je Juro en la Universitato Federala de Paranao en februaro 2005; lia portugallingva diplomverko, indikita de la ekzamenprofesoraro al publikigo, titolis *Lingvaj rajtoj kiel fundamentaj rajtoj – kultura aliro*. De majo 2003 ĝis septembro 2007 laboris ĉe la kabineto de tribunaljuĝisto en la Tribunalo de Justico de Paranao. Nun li advokatas en la urbo Salto do Lontra.

Esperanton Roger eklernis en februaro 2001 per la interreta *Kurso de Esperanto*, de Carlos Pereira. Ses monatojn poste, trovinte siajn samideanojn, li engaĝiĝis al la Esperanto-movado. En majo de la sekva jaro, li fariĝis vicprezidanto de Paranaa Esperanto-Asocio, kiun li prezidis dum la tujsekva oficperiodo. Samtempe li rolis kiel fiska konsilanto de Brazila Esperantista Junulara Orgazino por du oficperiodoj.

Li publikigas artikolojn kaj poemojn – originalajn kaj tradukitajn – en la revuo Momenton!, organo de BEJO, rete legebla ĉe http://bejo.esperanto.org.br/momenton.html.

Kontribue al Esperanto-literaturo, Roger reviziis la ĵus lanĉitan Malhistorio (Chapecó: Fonto, 2007), libro verkita de Jorge Teles originale en la portugala lingvo, kaj tradukita en Esperanton de la propra aŭtoro.





**Kapoejro** estas luktoarto disvolvita de afrikaj sklavoj, kondukitaj al Brazilo, kaj de iliaj posteuloj. La vorto "kapoejro" ("capoeira", en la portugala) havas kelkajn signifojn, el kiuj unu rilatas al la arbaraj aŭ ĝangalaj areoj en la brazila enlando. Estas sugestite, ke kapoejro ekhavis sian nomon de tiaj lokoj, kie la sklavoj forfuĝintaj provis kaŝi sin.

Kapoejron karakterizas lertaj kaj kompleksaj korpomovoj – farataj ofte sur la planko aŭ kapmalsupre, piedleve – kelkfoje konsistigataj de lerta akrobateco.

Ekzistas du precipaj kapoejrostiloj, sufiĉe malsimilaj inter si. Unu el ili, nomita "angola" – kvankam ĝi estas brazila kreaĵo –, estas karakterizita per malrapida, proksimplanke malalta luktado, kiu speciale atentas al la ritoj kaj tradicioj de la arto. La alian stilon oni nomas "regiona" ("regional", en la brazilportugala) kaj ĝi estas konata per siaj fluaj kaj akrobataj movoj, ĉe kiuj la strategio kaj la tekniko estas la ĉefaj punktoj. Ambaŭ stilojn markas intenckaŝemo kaj artifikoj, kaj estas surplanke aktivaj; estas tre oftaj plurspecaj gambomovoj, kiel ekz. piedpintaj, rampaj kaj tutplandaj piedbatoj.

Kio profunde distingas ĝin disde aliaj luktoj estas la fakto, ke ĝi estas akompanata de propra muziko. Al sia tipa muziko kapoejro estas tiel forte kaj malvaste ligita, ke estas praktike neeble vere kapoejri senakompane de la koncernaj muzikiloj.

La kantotekstoj ofte mencias naturajn elementojn, kiel birdojn kaj insektojn; priskribas malĝojajn scenojn de la sklavisma Brazilo; rakontas heroaĵojn de sklavoj kaj/aŭ kapoejristoj; elvokas religiajn estulojn kaj ankaŭ ekzaltigas la ekzercadon de kapoejro.

Persekutite kaj suferinte ĉiuspecajn antaŭjuĝojn, kapoejro elvenkis socian batalon kaj fariĝis brazila nacia sporto, nuntempe eksportata al la tuta mondo.

Konsiderante tion, indas, ke almenaŭ kelkaj kapoejromuzikoj havu specialan vestaĵon, altajlitan al la esperantistoj, por ke ili povu plene interkonatiĝi kun la fama brazila luktosporto.

*En karavelo esperantisma...*

# Jerusalemo



***Luiza Carol***
***verkis la poemon***

**Jerusalemo estas amo kaj koler',**
**Jerusalemo estas timo kaj espero,**
**Jerusalemo estas revo de la ter',**
**Jerusalemo estas urbo kaj mistero.**

**Jerusalemo estas preĝo de l' kredant',**
**Jerusalemo estas eĥo de prakanto,**
**Jerusalemo estas put' de l' soifant',**
***Jerusalemo estas lum' de l' esperanto.***

# Du-monat-aĝa malamiko

de EdNov

Je la nomo de ia alieniga religio
je la nomo de ia pereiga civilizacio
pere de abomeninda neniiga teknologio…

El la ĉielo ne plu venas benoj
el la ĉielo nun falas bomboj.

Ne plu sonoras pacigaj kantikoj
ne plu aŭdiĝas serenigaj amlaŭdoj.
Resonas nur timegigaj tondradoj
de militaeraj murdmaŝinoj.

Flugilojn ili posedas,
sed anĝeloj ili ne estas.
Danĝerimune senpunaj militaviadistoj
je ĉiu surhejma bombeksplodo
hurae vivuojn ili ekkriegas:
— Trafite!!!… Trafite!!!…

Ĉe si avidmanĝas malsata estulo
bombsplito preterflugas lian supkuleron
eniras en lian buŝon
fulmrapide sategas lin… por ĉiam.
— Trafite!!!… Trafite!!!…

Terurigitaj familiestroj
kune kun edzinoj kaj gefiloj
malorde forfuĝas ĉiudirekten.
Savespere ili alkuras al siaj hejmoj,
kiuj ilin tuj brakumas
sub siaj ĵus faligitaj disfrakasaĵoj.
— Trafite!!!… Trafite!!!…

Meze de amasbuĉitoj
stertoragoniantaj vundkripligitoj
dolorveojn plore suferĝemas.
Kune kun nenombreblaj senkulpaj murditoj
finfine ankaŭ forelteriĝas
la de multaj jaroj tre priserĉata
du-monat-aĝa malamiko…
— Trafite!!!… Trafite!!!…



El la portugala muzo...



# Ĉapitro 7: "La deliro"

el la verko "Postmortaj rememoroj de Brás Cubas"

de Machado de Assis
trad. Paulo Sérgio Viana el la portugala

*En la lasta numero de La Karavelo, Paulo Sérgio Viana debutis en nia revuo per artikolo kiu devas esti legita antaŭ ol ĉi tiu.*

## ĈAPITRO 7: LA DELIRO

Laŭ mia scio, ankoraŭ neniu raportis sian propran deliron; mi tion faros, scienco dankos min. Se la leganto ne emas kontempli tiajn mensajn fenomenojn, tiam vi rajtas transsalti la ĉapitron; iru rekte al la rakonto. Sed, eĉ se tio estas apenaŭ kurioza, mi tamen asertas al vi, ke estas interese scii, kio okazis en mia kapo dum dudek, tridek minutoj.

Unue mi prenis la figuron de ĉina barbiro, dika, lerta, kiu razis mandarenon, kaj ĉi tiu pagis al mi la laboron per pinĉoj kaj konfitaĵoj: mandarenaj kapricoj.

Tuj poste, mi sentis min transformita en la Teologian Sumon de Sankta Tomaso, presitan en unu volumo kaj marokene binditan, kun arĝentaj fermiloj kaj ilustraĵoj; ĉi tiu ideo tute senmovigis al mi la korpon; kaj ankoraŭ nun mi memoras, ke ĉar miaj manoj estis la fermiloj de la libro kaj ĉar mi ilin krucigis sur la ventro, iu (certe Virgília) ilin malkrucigis, ĉar la sinteno pensigis pri mortinto.



Laste, reveninte al homa formo, mi vidis, ke alvenis hipopotamo kaj forprenis min. Mi silente, senkontraŭstare iris, eble pro timo, eble pro fido; sed tuj poste la kurado fariĝis tiamaniere kapturna, ke mi aŭdacis pridemandi ĝin, kaj iom arte mi diris al ĝi, ke la vojaĝo ŝajnas al mi sendestina.

- Vi eraras – respondis la besto – ni celas la originon de la jarcentoj.

Mi sugestis, ke tio certe estus treege malproksima; sed la hipopotamo ne komprenis aŭ ne aŭdis min, kaj eventuale ĝi ŝajnigis unu el tiuj du eblaĵoj; kaj ĉar mi demandis, konsiderante, ke ĝi povas paroli, ĉu ĝi devenis de la ĉevalo de Aĥilo aŭ de la azenino de Bileam[1], ĝi respondis al mi per movo karakteriza al tiuj du kvarpieduloj: ĝi svingis la orelojn. Miaflanke, mi fermis la okulojn kaj ne kontraŭstaris iradon al la sorto. Jam nun, min ne ĝenas konfesi, ke mi sentis jukadon de scivolemo pri tio, kie situas la origino de la jarcentoj, ĉu ĝi estas tiel mistera, kiel la origino de Nilo, kaj ĉefe, ĉu ĝi valoras iom pli aŭ iom malpli ol finiĝo de tiuj samaj jarcentoj: pripensado de malsana cerbo. Ĉar mi iradis kun fermitaj okuloj, tial mi ne vidis la vojon; mi memoras nur, ke la sento de malvarmo grade pliiĝadis laŭ la vojo, kaj venis momento, kiam ŝajnis al mi, ke ni eniras la regionon de eterna glacio. Efektive, mi malfermis la okulojn kaj vidis, ke mia besto galopas sur neĝblanka ebenaĵo, kun disaj neĝmontaroj, neĝvegetaĵoj kaj pluraj grandaj neĝbestoj. Ĉio neĝa; eĉ frostigis nin neĝa suno. Mi klopodis paroli, sed mi apenaŭ povis elgrumbli ĉi tiun angoran demandon:

- Kie ni estas?

- Ni jam preterpasis Edenon.

- Bone; ni haltu ĉe la tendo de Abraham.

- Sed ni paŝas malantaŭen! – moke respondis mia rajdbesto.

Mi hontis kaj konfuziĝis. La veturo komencis ŝajni al mi enuiga kaj ekstravaganca, la malvarmo senkomforta, la veturilo kruda kaj la rezulto nekonkreta. Kaj krome – konsideroj de malsanulo – se ni atingus la indikitan celon, tiam eble la jarcentoj, koleraj pro senvualigo de sia origino, frakasus min inter siaj ungoj, kiuj certe estas same jarcentaj kiel ili mem. Dum mi tiel pensis, ni plu laŭiradis la vojon, la ebenaĵo flugadis sub niaj piedoj, ĝis la besto haltis kaj mi povis pli trankvile rigardi ĉirkaŭ mi. Nur rigardi; mi nenion vidis, krom la grndega neĝblankaĵo, kiu ĉi-foje invadis eĉ la ĉielon, ĝis tiam blua. Eble, dise, aperis al mi iu plantaĵo grandega, krudaspekta, svinganta en vento siajn larĝajn foliojn. La silento en tiu regiono estis sama kiel en tombo: oni povus diri, ke vivo de ĉiuj ekzistaĵoj fariĝis sensenca antaŭ homo.

Ĉu ĝi falis de la aero? Ĉu ĝi dekroĉiĝis de la tero? Mi ne scias; mi scias, ke grandega figuro

de virino tiam aperis al mi, rigardante min per okuloj sune brilaj. Ĉio en tiu figuro prezentis vastecon de sovaĝaj formoj kaj ĉio restis for de kompreno de homa vidpovo, ĉar la konturoj miksiĝis kun la medio, kaj kio ŝajnis penso, tio estis ofte diafana. Miregita, mi nenion diris, eĉ krion ne eligis; sed post iom da tempo, post mallonge, mi demandis, kiu ŝi estas kaj kiel ŝi nomiĝas: scivolemo de deliro.

- Nomu min Naturo aŭ Pandora; mi estas via patrino kaj via malamiko.



Aŭdinte ĉi-lastan vorton mi iom retroiris, kaptite de ektimo. La figuro eligis ridegon, kiu kaŭzis ĉirkaŭ ni la efikon de ventego; plantoj tordiĝis kaj longa ĝemo rompis la mutecon de eksteraĵoj.

- Ne timu – ŝi diris - , mia malamikeco ne mortigas; ĝi stariĝas ĉefe por la vivo. Vi vivas: mi volas neniun alian turmenton.

- Ĉu mi vivas? – mi demandis, enpikante la manojn per la ungoj, kvazaŭ por certigi min pri la ekzisto.

- Jes, vermo, vi vivas. Ne timu forperdi tiun ĉifonon, kiu estas via fieraĵo; vi ankoraŭ provos, dum kelkaj horoj, la panon de doloro kaj la vinon de mizero. Vi vivas: eĉ nun, kiam vi freneziĝis, vi tamen vivas; kaj se via konscio reakiros unu momenton da prudento, tiam vi diros, ke vi volas vivi.

Tion dirinte, la vidaĵo etendis la brakon, prenis min je la haroj kaj levis min en la aeron, kvazaŭ plumon. Nur tiam mi povis vidi al ŝi la vizaĝon, kiu estis grandega. Ĝi estis tute kvieta; nenia forta tordiĝo, nenia esprimo de malamo aŭ kruelo; la sola, ĝenerala, kompleta mieno estis de egoisma indiferento, de eterna surdeco, de senmova volo. Kolero, se ŝi tion sentis, restis enkaĝigita en la koro. Samtempe, en tiu glacimiena vizaĝo, antaŭ kiu mi sentis, ke mi estas plej malfortika, plej kaduka estaĵo.

- Ĉu vi komprenis min? – ŝi diris, post iom da reciproka komtemplado.

- Ne – mi respondis -; kaj mi ne volas kompreni vin; vi estas absurda, vi estas fabelo. Mi sonĝas, certe, aŭ, se estas vero, ke mi freneziĝis, tiam vi estas nenio alia ol frenezula koncepto, nome vanaĵo, kiun forestanta racio povas nek regi, nek palpi. Naturo, vi? La Naturo, kiun mi konas, estas nur patrino, ne malamiko; ĝi ne faras la vivon turmento kaj ne portas kiel vi tian vizaĝon indiferentan kiel tombo. Kaj kial Pandora?

- Ĉar mi portas en mia mansako bonojn kaj malbonojn, kaj la plej grandan el ĉiuj, nome esperon, la konsolon de homoj. Ĉu vi tremas?

- Jes; via rigardo min sorĉas.

- Mi tion kredas; mi estas ne nur la vivo; ankaŭ la morto mi estas, kaj vi baldaŭ redonos al mi tion, kion mi al vi pruntedonis. Granda voluptemulo, atendas vin la volupto de nenio.

Kiam tiu vorto sonis, kiel tondro, en tiu grandega valo, ŝajnis al mi, ke ĝi estas la lasta sono, kiu venis en miajn orelojn; ŝajnis, ke mi sentas la subitan dekomponiĝon de mi mem. Tiam, mi alfrontis al ŝi la vizaĝon per petegaj okuloj kaj petis kelkajn pliajn jarojn.

- Kompatinda minuto! Ŝi ekkriis. Por kio vi volas kelkajn pliajn momentojn da vivo? Por vori kaj poste esti vorata? Ĉu vi ne estas sata de la spektaklo kaj de la batalo? Vi abunde konas ĉion, kio estas malpli naŭza aŭ malpli aflikta, kion mi prezentis al vi: lumo de tagiĝo, melankolio de tagfino, kvieto de nokto, aspektoj de la tero, dormo, nu, la plej granda valoraĵo el miaj manoj. Kion plian vi volas, sublima idioto?

- Nur vivi, mi petas de vi nenion plian. Kiu metis al mi en la koron tiun amon al vivo, se ne vi? Kaj se mi amas vivon, kial vi frapos vin mem, mortigante min?

- Ĉar mi jam ne bezonas vin. Ne gravas al tempo la pasanta minuto, sed la minuto venonta. La venonta minuto estas forta, gaja , ĝi pensas, ke ĝi portas en si eternecon, kaj ĝi portas morton, kaj forpasas kiel la alia, sed la tempo pluas. Egoismo, vi diras? Jes, egoismo, mi ne havas alian leĝon. Egoismo, pluvivado. Jaguaro mortigas bovidon ĉar rezonado de jaguaro estas, ke ĝi devas vivi, kaj se la bovido estas molkarna, des pli bone. Jen la universala statuto. Supreniru kaj rigardu.

Tion dirinte, ŝi forprenis min sur altaĵon de montaro. Mi turnis la okulojn al unu el la deklivoj kaj kontemplis dum longa tempo, malproksimen, post nebulo, unu solan aferon. Prezentu al vi, leganto, la defilon de ili ĉiuj, ĉiaj rasoj, ĉiaj pasioj, tumulton de imperioj, militon de deziroj kaj de malamoj, reciprokan detruadon de estuloj kaj de aĵoj. Tia estis la spektaklo, akra kaj kurioza spektaklo. La historio pri homo kaj pri tero havis tian intensecon, kian povus liveri nek imagpovo, nek scienco, ĉar scienco estas pli

malrapida kaj imagpovo pli malpreciza, dum tio, kion mi tie vidis estis la vivanta kondensaĵo de ĉiuj tempoj. Por priskribi ĝin necesus senmovigi fulmon. La jarcentoj paradis en torento, kaj tamen, ĉar okuloj de deliranto estas aliecaj, tial mi ĉion vidis, kio pasadis antaŭ mi – turmentoj kaj ĝuoj - , de tio, kion oni nomas gloro, ĝis tio alia, kio nomiĝas mizero, kaj mi vidis amon, kiu obligis mizeron, kaj vidis mizeron, kiu pliigis malfortecon. Jen venis voranta avido, flamanta kolero, salivanta envio, kaj ŝpato kaj skribplumo malsekaj de ŝvito, kaj ambicio, malsato, vanteco, melankolio, riĉeco, amo, kaj ĉiuj skuis la homon kiel sonorileton ĝis detruo, kiel oni detruas ĉifaĵon. Tiuj estis pluraj formoj de malbono, kiu jen mordis la internaĵon, jen mordis la penson, kaj eterne promenigadis siajn arlekenajn vestojn ĉirkaŭ la homa specio. Doloro kelkfoje cedis, sed cedis al indiferento, nome al dormo sen sonĝoj, aŭ al plezuro, nome al bastarda doloro. Tiam la homo, turmentita kaj ribelema, kuradis antaŭ la fataleco de ĉio, post nebula kaj fuĝema figuro, farita el pecoj, unu peco da nepalpeblo, alia peco da neprobablo, alia da nevideblo, ĉiuj kudritaj per malfirma kudro, per kudrilo de imagemo; kaj tiu figuro, nenio alia ol ĥimero de feliĉo – jen senĉese forkuradis de li, jen lasis, ke li kaptu ĝin je faldo, kaj la homo premis ĝin al sia brusto, kaj ŝi tiam ridis moke, kaj malaperis, kiel iluzio.

Kontemplante tiom da malfeliĉo mi ne povis reteni krion de angoro, kiun Naturo aŭ Pandora aŭdis sen protesto aŭ rido; kaj mi ne scias, laŭ kiu leĝo de cerba difekto ekridis mi – ridon misritman kaj idiotan.

- Vi pravas – mi diris – la afero estas amuza kaj valoras la penon, eble monotona, sed valoras la penon. Kiam Ijob malbenis la tagon de sia koncipiĝo, tio okazis pro tio, ke li emis vidi de ĉi-supre la spektaklon. Nu, Pandora, malfermu la ventron kaj digestu min; la afero estas amuza, sed digestu min.

La respondo konsistis en tio, ke ŝi forte devigis min rigardi malsupren kaj vidi la plu pasantajn jarcentojn, rapidajn kaj tumultajn, generaciojn post generacioj, unuj malgajaj, kiel hebreoj en sklaveco, aliaj gajaj, kiel la diboĉuloj de Komodo(2), kaj ili ĉiuj akurataj en tombo. Mi volis forkuri, sed mistera forto retenis al mi la piedojn; tiam mi diris al mi mem: "Nu, pasadas jarcentoj, alvenos la mia, kaj ankaŭ tiu pasos, ĝis la lasta, kiu liveros al mi la malĉifradon de eterneco." Kaj mi fiksis la okulojn, kaj plu vidis la aĝojn, kiuj alvenadis kaj pasadis, kaj mi tiam estis jam trankvila kaj decida, eble eĉ ĝoja. Eble ĝoja. Ĉiu jarcento alportis sian kvanton da ombro kaj lumo, da apatio kaj batalado, da vero kaj eraro, kaj sian sinsekvon da sistemoj, da novaj ideoj, da novaj iluzioj; en ĉiu el ili ekĝermis la verdaĵoj de printempo, kaj ili poste flaviĝis, por sekva rejuniĝo. Dum la vivo havis tian regulecon de kalendaro, fariĝadis historio kaj civilizacio, kaj la homo, nuda kaj sendefenda, sin armis kaj sin vestis, konstruis domaĉon kaj palacon, simplan vilaĝon kaj la centpordegan Tebon, kreis sciencon, kiu sondas, kaj arton, kiu ravas, fariĝis oratoro, mekanikisto, filozofo, trakuris la globsurfacon, malsuprenvenis al la ventro de tero, suprenvenis al nuboj, kaj tiel li kunlaboradis en la mistera verko, per kiu li distris la vivbezonon kaj la melankolion de forlasiteco. Mia enuanta, senatenta rigardo fine vidis, ke alvenas la nuna jarcento kaj post ĝi la estontaj. Tiu unua alvenis lerta, facilmova, vibranta, fiera, iom malpreciza, aŭdaca, scioplena, sed fine tiel mizera kiel la antaŭaj, kaj tiel pasis la aliaj, same rapide kaj same monotone. Mi pliintensigis la atenton; mi streĉis la rigardon; fine mi vidos la lastan! Sed tiam la irrapideco estis tia, ke ĝi preterlasis ian ajn komprenon; kompare kun ĝi fulmo estus jarcento. Eble pro tio la aĵoj komencis ŝanĝiĝi; unuj kreskis, aliaj malkreskis, aliaj forperdiĝis en la medio; nebulo ĉion kovris – escepte de la hipopotamo, kiu portis min tien, kaj cetere ankaŭ ĉi tiu ekmalkreskis, malkreskis, malkreskis, ĝis ĝi atingis la grandecon de kato. Ĝi efektive estis kato. Mi atente rigardis ĝin; ĝi estis mia kato Sultano, kiu ludis ĉe la pordo de la dormoĉambro per paperbulo.

---

**NOTOJ**

(1) *Ĉevalo de Aĥilo*: laŭ la homera priskribo, Janto, ĉevalo de la heroo, antaŭvidis lian morton, antaŭ la milito kontraŭ la trojanoj.

*Azenino de Bileam*: laŭ la *Biblio* (*Nombroj*, 22), Bileam iris al la izraelidoj, por ilin malbeni, sed survoje aperis anĝelo; kaj la azenino, kiun Bileam rajdis, ekparolis kaj riproĉis lin. Li tiam konvertiĝis kaj benis la izraelidojn.

(2) Komodo: Marcus Aurelius Commodus (161-192), romia imperiestro, fama pro krueleco kaj diboĉemo, filo de Marko Aŭrelio.





En esperantisma karavelo...

# Nedonitaĵoj

de Spíros Sarafián

De l' noktoj jam pasintaj,
de vivoj tutplenaj je fruktoj nematuraj,
de tio, kion mi deziris diri aŭ aŭskulti,
de tio, kion mi deziris ekscii aŭ ekvidi,
kio ja restas nun al mi?
kiu scias ĉu restas tempo plu?
Scias mi tion,
scias mi,
unu vivo, nek multaj sufiĉas,
ĉar multon la menso naskas,
trankvila ne restas la kor',
kaj ĉiam novaj ŝajnas la malnovaj,
alimaniere viditaj!
Kaj diris mi,
kion mi povas timi plu?
kion mi vere scias?
Ĉu ne estas doloroj amikoj koraj,
kaj ĝojoj malamikoj?
Ĉu ja karesoj ne doloras,
pli multe ol la batoj?
Kio eĉ se mi mortos nematura, nemelkita?
Kial mi ne povas mem legi,
la enon mian, neformitan, nediritan,
l' animinternon mian,
ĉion fluantan en la vejnoj,
trinkujoj de la mens' opaka,
veneno el amara knik' !
Kio do tenas muta min, blinda, mizera?
Kio arida tenas l' animon?
Semo neforta, perdita!
Nu, kia morto decas al mi?
Kaj se nun venos ĝi, kion mi diros?
Prokraston ne toleras tio ĉi,
vin urĝas!
Estos eble la tempo ke mi eksciu,
mia lasta volo estos,
mia testamento:
Ĵetu min nuda en la tomb',
la manoj etenditaj,
brakume premu mi surkore,
la teron kiun sterkos mi.
Kaj se nur tio ja bone fariĝos,
tiam, mi scias,
paroli mi ekpovos,
tiam, mi scias,
poemoj miaj fluos,
ili elfluos,
sin sternos,
herbkampo tuta,
l' ornamoj, floroj miaj,
flavaj floroj miaj deziroj,
hedero la mia rev' senfina grimpos,
sufoki ĉion kaŝindan,
ĉion krudan,
iĝi kovrilo verda,
brodaĵoj la floroj,
disaj,

**Spíros Sarafián**, greka esperantisto, naskiĝis en 1940 en Ateno. Esperantiĝis en 1958 kaj tuj komencis lerni Esperanton, instrue de la mondfama greka esperantisto, konata verkisto kaj Akademiano ĝis la morto, Anakreón Stamatiádis, kun kiu Spíros havis familian rilaton.

Veterana aktivulo de la greka E-movado, Spíros estis, dum dekoj da jaroj, membro de la estraro de Helena Esperanto-Asocio kaj ĉefinstruisto en la asociaj E-kursoj, verkinto de la ampleksa (672-paĝa) *Metodo de Instruado kaj Meminstruado de la Internacia Lingvo Esperanto*, por greklingvanoj, verkinto de la granda, trivoluma *Greka-Esperanta Vortaro*, verkinto de *Esperanta-Greka Vortaro*, tradukinto de la *Historio de Herodoto*, tradukinto de la Platonaj verkoj *La Apologio de Sokrato*, *Kritono*, *Fedono;* poeto kaj romanisto en la greka, aperiginta tri romanojn kaj kvar poeziajn kolektojn.

Profesie, Spíros nun estas emerito; li estis ekonomika direktoro de vineksporta firmao.



miksitaj,
okuloj malfermitaj la ĉielon rigardantaj,
la okuloj miaj!
Papavoj kun lekantoj,
lekantoj kun papavoj,
estu kune ĉio kion mi deziris,
kun ĉio kion mi povis,
estu kune plektite, nevelkeme,
harplekto junulina, virga,
ĉio kion mi ne povis diri,
kun ĉio kion mi jam diris,
estu miaj esperoj sencelaj,
aromoj kaj koloroj,
kaj ĉio kune,
la spiro mia, la vento freŝu,
turniĝu, tremu sur la mia kovr',
poleno,
trinkaĵo dia la odoro,
mia elspiro.
Suĉu svarme l' abeloj,
la abelidoj,
senĉese,
mielo iĝu mia pens',
miaj revoj,
kaj se okulo viva tion ekvidos,
ĝi diru:
la tuta festo,
la tuta belo,
en mondangulo, de kie pasante mi hazarde haltis,
estis ja Verko de poeto,
mi scias tion,
diris al mi tion la vento kaŝe,
kiam mi sentis ke mi volis tie resti,
ĵetite sur la tero,
fari verson kaj kanton ĉiun floron,
por esti la puls-sono de la tero de l' poet'
kaj la puls-sono de la koro mia,
unu muziko!
Kaj se tio iam okazos,
se vivanta pasanto sentos,
mian propran, tutfloran deziron,
mian amikan doloron,
mian militon,
se vivanta pasanto legos miajn parolojn,
en la tremeto de la vent',
se en la parfumoj de mia ter',
trovos iom el mia kapturno,
iom el mia dormo,
el mia sonĝo,
tiam, kial mi deziru la morton?
tiam, je kio gravas kie mi staras?
kio se sur, kio se sub la tero?
kio se viva, kio se morta?
tiam, kio disigas la doloron de la libero?
... Ĉio estas en mi,
kaj tie restos,
nedirita kaj nevelkebla,
por tion aŭdi tiuj, kiuj la samon povas diri,
kompletigi,
por ke ni konstruu de la komenco ĉion homan,
ŝtono sur ŝtono la koroj de poetoj mortintaj,
tute vivantaj,
mortero, knedaĵo miksita,
el kio la homoj deziras diri,
senespere,
el kio la homoj povas aŭskulti.





# La lasta stacio (fragmento)

*de Jórgos Séferis*
*trad. Giórgos Dermátis el la greka*

*(Giórgos Dermátis dediĉas la tradukon al sia amiko João José Santos)*

(...)

Mi parolu pri herooj, mi parolu pri herooj: Miĥalis
foririnta el hospitalo kun vundoj nefermitaj
eble pri herooj parolis tiunokte
kiam trenis siajn paŝojn tra la vuala urbo,
kriadis kaj kantadis nian doloron: "En mallumo
ni iras, en mallumo ni avancas..."
Herooj avancas en mallumo.

Malmultas la noktoj lunaj kiuj al mi plaĉas.

(...)



*En ĉiu homo ekzistas heraklo, kiu kapablas mortigi siajn hidrojn.*

***Giórgos Dermátis** naskiĝis en Pireo,* Grekio, la 27-an de Aprilo 1960. Universitataj studoj en Vieno, Aŭstrio, kie li vivis ĝis antaŭ unu jaro, kaj kie li esperantiĝis antaŭ preskaŭ kvar jaroj.
Li nun vivas kaj laboras en Saronido, en Atiko, kiel instruisto pri la germana, lingvo instruata de li en Vieno longtempe. Li okupiĝas kieleble pri movadaj aferoj, kaj estas ano de UEA, SAT, ILEI, OSIEK, HEA (Helena Esperanto-Asocio), AEF (Aŭstria Esperanto-Federacio). Li partoprenas en la laborgrupo "Lingvolanĉilo", tradukas al la greka la paĝaron de "Lernu!", kie li disponiĝas ankaŭ kiel lingvohelpanto, foje helpetas tradukante tekstojn al la greka por la paĝaro Edukado.net, UEA, EEU, la grupo de Leo De Cooman, li faris la grekan kaj germanan tradukojn por la paĝaro de la tiama Internacia Televido en Brazilo. Per sia traduka kontribuo aperis antaŭ kelkaj semajnoj - ankaŭ en la greka - la lernolibro de Stano Marĉek "Esperanto per rekta metodo". Li ŝatas vojaĝi tra Esperantio (foje ankaŭ ekster ĝi!) kaj konatiĝi kun aliaj gesamideanoj. Se la esperantaj aferoj tion permesas li okupiĝas pri la lernado de fremdaj lingvoj, pri lingvistiko, interlingvistiko kaj pri historio ĝenerale.
Antaŭ tri semajnoj, Giórgos estis elektata por la estraro de HEA, kaj estas nun la prezidanto.

*En karavelo esperantisma...*

# *Kontraŭpova toreado kvazaŭ futurisme*

*de João José Santos*



Ole! Ole! Ole!
Ole! Kaj ole ankoraŭe kaj e... e... e...
Ole!

Ole!, putraj doktoroj de la puro!
Ole!, grundaj pretoroj de la turo!
Ole!, ĉefoj, markizoj, generaloj!

Ufff...! Kaj ronde kaj turne kaj levbruste...
Tondre... OLE!

Ole! Ole al vi, ĉiopovuloj!
Ole al vi, jes!, kiu ja spionas...!
Ole al vi, jes!, kiu fanfaronas!
Ole! Ole al vi, vantaj pigruloj!

Ufff...! Kaj ronde kaj turne kaj levbruste...
Tondre... OLE!

Vi lobias kaj faras la nuntempon!
Mi pasias kaj verkas la ontemon!
Ole! Ole!, nuntempo ĵus pasinta!
Vivu! Vivu!, la onto tuj aminda!

Ufff...! Kaj ronde kaj turne kaj levbruste...
Tondre... OLE!

Leviĝu, lingvo-farantoj!
Stariĝu, verso-amantoj!
Kaj vi romanistoj...
kaj vi rakontistoj...
ankoraŭ vi dramistoj...
baku varme la panon de l' animo!
For la fortojn tenebrajn de la ŝlimo!
Floru flue kaj bunte la espa bukedo,
en libero kaj svelto, sen timo sen tedo!

Ufff...! Kaj ronde kaj turne kaj levbruste...
Tondre... OLE!

*En esperantisma karavelo...*

# Karavelo

*de Nikolaj Neĉaev*



Navigu, Karavelo,
De lando portugala,
Al mia landa belo,
Al tero ĉebajkala.

Ekvidu, Karavelo,
Belecon de Bajkalo,
De mara akvarelo,
De nuboj en la valo,

De laro en ĉielo,
De akvo klarkristala,
De ŝtorma ekribelo,
De nubo blankvuala.

Sub romantiko vela,
Mi fuĝas el banalo
Al poezio bela,
Al bela idealo.

# Portugala lingvo

*de Nikolaj Neĉaev*

Lingvon belan portugalan
Naskis maro melodia,
La prononcon idealan
Naskis tajdo harmonia.

Por la lingvo aktualas
Sonoj belaj, ritmo mara.
Tiu lingvo min regalas
Per beleco malavara.



**Nikolaj Neĉaev** estas 43 jaraĝa, kaj esperantiĝis en la jaro 1990. Nikolaj loĝas en Siberio, en ĉebajkala regiono. En 2007, li gajnis premion pro hajkoj.

*En esperantisma karavelo...*

# Himno al la Patro

*de João José Santos*
*la poemo kaj la foto*

Kiam la tago ekas kaj kantas birdeto,
mi scias ke suniĝis, jen mi filo Via.
Kiam al mi aŭroras, jen la pano mia,
mi scias, estas ĉio ĉe Via nesteto.

Sed alifoje ekas silente la tago,
nigraj nuboj malhelpas min vidi la panon...
ne vidas klare mi... kaj ne sentas la plankon...
almozulo serĉanta la hejmon en vago...

Sed mi scias, Sinjoro, ke tiom da jaroj
pasintaj daŭris nur ja bubaĵo tenebra,
harda laboro kiun mi nomas doloro.

Kaj mi scias, Sinjoro, ke la fluaj larmoj
estis rosgutoj sur mia vizaĝo febra.
Mi scias ke am' Via ne finas... Sinjoro.



# Maljuna fraŭlo

de nekonata aŭtoro
trad. Edward Jaśkiewicz el la pola

En urbo Krakovo estis naskiĝinta
la maljuna fraŭlo, nun decidiĝinta
finfine edziĝi al iu virino,
kun kiu feliĉe vivus ĝis vivfino.
Virinojn li havis tutan galerion:
    Praksedon, Ludvikon, Lidon, Valerion,
    Doroton, Irenon, Evon kaj Barbaron,
    Esteron, Kamilon, Olenjon, Tamaron,
    Aldonon, Danuton, Rozon  kaj Renaton,
    kaj krom menciitaj - ankoraŭ Agaton.
Do povus edziĝi li baldaŭ kaj nun,
eĉ tion intencis, sed trafis lin pun'.

Ĉar
  Prakseda - tro teda, Zenona - kanona,
  Kama - tre lama, Maria - pasia,
  Luĉia - tre pia,   Ludvika - tre dika,
  Aida – avida, Anĝela - nobela,
  Jolanta - svenanta, Sofia - tre fia,
  Irena - sintena,  Brigida - rigida,
  Barbara – avara, Eliza - jam griza,
  Edvarda – amtarda, Elvira - tro vira,
  Helena - venena, Jadviga - pekiga,
  Anita - tro sprita, Ivona - poltrona,
  Marcela – malbela, Lida - senbrida,
  Regina – obstina, Agata - amsata,
  Ema – klaĉema, Beata - olddata,
  Danuta - tro muta, Paŭlina - putina,
  Eŭlala - tre pala, Tamara - ruĝhara,
  Roza – nervoza, Lila - gracila,

Kion fine faris mizerulo tiu,
certe pro scivolo demandos nun iu.
Jen antaŭ formita virina spaliro
li nun promenante kvazaŭ en deliro
al impostej' kuris inter ĉi vicaroj,
por pagi imposton por pluaj ses jaroj.
La fraŭlan imposton li pagis prefere,
por plu farti bone, feliĉe, libere.









# Spirito en la spirito

*(Lélek a lélekben)*

*de Irén Soltész*

*trad. Tibor Szabadi J. el la hungara*



Via brako senĉese min brakumas,
eterna fajro de via kiso min varmege brulas,
via korpo enpaŝis en mian korpon!

Mia cerb' estas dolĉa ŝirmej' de via penso,
kun mi estas sama ĝia voĉo, koloro, silko,
via konscio enpaŝis en mian konscion!

La dioj brodis vin mian animon,
en mi vivas viaj ĉiuj briloj jam,
via animo enpaŝis en mian animon!

**Tibor Szabadi J.** naskiĝis en 1952 en la hungara urbo Nagykanizsa ['nadjkanijha]. Esperanton li lernis en 1966. Li estas esperantisto, verkotradukinto, redaktoro kaj filozofo. Li estas ano de Hungara Verko Asocio, Esperanto PEN Centro, Hungara Semiotika Asocio, Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino, kiel akademia adjunkto pri filozofio, ano de Scienca Esploristoj de Societo en urbo Nagykanizsa kaj ano de aliaj organizoj. Ĝis nun, Tíbor tradukis pli ol 65 libroj, verkis librojn kaj revuojn. Diversaj eldonaĵoj aperis kun lia helpo aŭ el lia plumo, kaj li estas verkanto de sennombraj publikaĵoj en la hungara kaj en Esperanto. Inter alie li redaktis kaj tradukis la unuan bazvortaron Eŭska-Hungara kune kun la eŭska verkisto, la filologo S-ro Aitor Arana.

Jen kelkaj el la tradukoj faritaj de Tíbor:

Divaldo Pereira Franco: **„Boldog élet"** *(Vivo feliĉa)*

Divaldo Pereira Franco: **„A Magvető"** *(La Semisto)*

Y. A. Pereira: „**Egy öngyilkos emlékei**" (*Memoraĵoj de Sinmortiginto*). Tiu libro estas eldonita en Brazilo, kie ĝi rolas inter la 10 plej bonaj verkoj de la spiritisma literaturo en la 20-a jarcento.

Allan Kardec: **„A Szellemek könyve"** *(La Libro de Spiritoj)*

*El la nederlanda florado...*



# Ĉie kreskas io

de Guido Gezelle, 1896
trad. Leo De Cooman el la flandra

Ĉie kreskas io:
eĉ sur bluaj ŝtonoj,
ŝtele pentras la likenoj,
malrapide, etporcie,
siajn platajn medalojn,
kiuj verdaj, grizaj,
flavkoloraj, ornamas
parapetojn de malnovaj pontoj.

Frapas la suno sur ilin,
kaj falas sur ilin la pluvo;
flanken ili elkreskas,
eron pentretas post ero,
ereton ĉi tie kaj tie,
direkte de ie al ie,
donante al ĉiu bluŝtono
belegan aspekton de ĝi.

Iru al ili rigardi,
vi, kiu havas okulojn,
restu momenton atende,
kie falas la suno sur l'akvo,
montru tapiŝon al mi,
mozaikon aŭ ajnon,
pli arte faritan,
pli belan ol tio.

Alkuru formikoj sur ilin,
en ilin kaj transen de ili,
sur ilin rapidu moskitoj
per kruroj ĉu longaj ĉu kurtaj,
ĉeestu flugiloj, al vitro similaj,
ĉielarka pompado,
belega kaj ĉarma,
kiom ĝuiga ja ĉio!

Ĉie kreskadas ja io,
super kaj sube de fluo
de l' akvo; surfirste semitaj
floras la floroj;
senvivaj ne estas tegoloj
kaj eĉ en la pajlo
de mizereta tegmento
vivas floretoj kun ĝojo.

Fendoj estas en muroj,
estas fendoj en ŝeloj
de arboj, en kiuj filikoj
ludas sian rolon,
ili al l'arbo radike fiksitaj
ankoraŭ ekkreskas en sino
mortinta jam jarojn
en ligno, en trunk' aŭ radiko.

Neniu kaĉaĵo perdiĝas,
nenia nutraĵo putriĝas,
en kiu revenas ne vivo,
eĉ post kiam ĝi mortis;
kiom ajn putrintas la ligno,
aŭ sterko, post iom da tempo
micelio aperos ja ia
kun fungoĉapeloj sur ĝi.

Kie, de riverego Liso
ĝis Skeldo, ĉe maro, en sablo,
sur domo, sur fost', estas loko
ie ajn en nia lando,
kie vivas nenio,
flor' aŭ folio,
kiu ĉarmas? Ĉie,
ĉie kreskas ja io.



*En karavelo esperantisma...*

# Futludoj

**de João José Santos**

**Infano estis mi kaj kuris en ŝelkbraĉo,
amiko min invitis al futbala ludo,
sed ve mallerto min irigis al la studo,
jen iris mi kuraĝe, trista pro la maĉo.**

**Obstine provis mi la lerton en futsalo,
kaj volis ankaŭ sperti varme en futplaĝo,
sed ĉu pro la mallerto, ĉu pro l' frua aĝo,
rezignis mi pri ambaŭ, temis pri fatalo!**

**Pli poste... savantino min instruis ludi,
kaj diris kun kareso: "ĉion... sed ne prudi..."
kaj lernis tiam mi produmi pri l' afero:**

**du pilkojn ĝuste regi, ankaŭ unu stangon,
manovri du melonojn, amorkisi konkon,
ĝis ambaŭ ame ni ekstazis en rivero...**

*Hungario bukedas...*



*Ímre Szabó*

# S-ino L.

***de Sándor Petöfi***
***trad. Ímre Szabó el la hungara***

**Kreinto mia! Ĉiopova!
Reportu la momenton saman,
kiam ĉi-damo sentis amon
unuan, la unuaflaman;
kiam sur ŝiaj lipoj tremis
konfeso, la unua sankta,
estu mi, kiun kisi vokas
ŝia rigardo invitanta!**

**Kion mi pagu?... Prenu mian
vivoprintempon dudekjaran,
kaj prenu el mia futuro
promesolandon malavaran;
kaj se mi povos alĉieli,
kaj vi feliĉi donos senton,
el ĉi-feliĉo ĉielmonda
deprenu plenan jarcenton!**

# Testamento

*el la filmo "Obelisko"*
*Kantoteksto de Robert Roĵdestvenskij*
*Kompono de Vladimir Ĉerniŝov*
*trad. Valentin Melnikov el la rusa*

Jen atingis mi lastan pinton de l' viv',
Kaj finiĝas jam mia blua vesper'.
Mi foriras kaj ĉio restas nun al vi,
Mi nenion forportas de nia ter'.

*Refreno:*
Al la filoj, al mia anim-esper',
Restas kampoj vastegaj kaj voj' sen ĉes',
Ĉio restas al vi, kion mi sur ter'
kun sukceso faris
kaj sen sukces'.

Birdaj voĉoj printempaj restas al vi,
Kaj de tempoj pasintaj hela memor',
Kaj grandega standardo de la patri',
Kaj nelaŭta kanzono de mia kor'.

Refreno

(CGC p. 60)



# Publik-umo

**de Blazio Vaha**

**Ĉu do landa retlistanaro**
**estu por mi la publiko?**
**Aŭ ĉu prilingva fakrevuo**
**estu loko por publico?**

**Ĉu beletra-klube devadus**
**riskaperi mi por horo?**
**Aŭ mi devus al mi mem diri:**

**Mi! Doloras cia koro!**

*El belaj lokoj...*

# Francio

*de João José Santos, teksto kaj fotoj*



La Karavelo portas vin al Francio, sed ne al la lando, al la vilaĝeto. La vilaĝeto Francio (PT: França ['frãsa]) situas en la norda portugalia regiono Transmonto (PT: Trás-os-Montes [trazush'mõtesh]), proksime de Hispanio. Ĝi ĉirkaŭiĝas de montoj, kaj tra ĝi fluas la rivereto Saboro (PT: Sabor [sa'bor]), eble la plej pura en Eŭropo. La jenaj bildoj estis faritaj en vintro, antaŭ kvar jaroj; do precize nun tre eble la pejzaĝo de Francio, la vilaĝeto, estas simila al ĉi tiuj fotoj.











